Nro 11

# Pola Esperantisto

Esperantysta Polski

XXX JARO NOVEMBRO 1936

ELDONANTO WYDAWCA POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO

REDAKTANTOJ REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID — MGR. TAD. HODAKOWSKI

APERAS LA 1-an DE ĈIU MONATO. REDAKCIAN MATERIALON ONI PETAS SENDI ĜIS LA 20-a DE ĈIU MONATO. LA REDAKCIO ESTAS RAJTIGITA LAŬ BEZONO ŜANĜI LA TEKSTON DE MANUSKRIPTOJ.

## NI FARU FINON...!

Al kio ni faru finon?

Al la malordo, al la eterna divideco, al la malkonkordo kaj malpaco, kiuj elĉerpas niajn fortojn, kiuj foruzas nian energion kaj nian monon, kiuj paralizas nian progreson.

Mizeran bildon montras nia movado. Anstataŭ armeo de celkonsciaj kunbatalantoj, kiuj direktas la rigardon nur antaŭen kaj koncentrigas siajn fortojn por atingi la komunan celon, ĝi estas senorda bando de interbatalantoj, kiuj havas tempon nur por puŝi kaj tiri unu la alian, por disputi kun la najbaro, kies rajton je partopreno en la granda entrepreno oni ne rekonas.

Ĉu do neniam ĉesos tiuj kvereloj, kiuj jam de jardekoj disŝiras nian organizon, venenas la atmosferon en Esperantujo? Ĉu tiel la estontan jaron ni devos pilgrimi al la naskiĝlando de Esperanto kaj stari ĉe la tombo de nia Majstro? Ĉu ne restis sufiĉe da hontemo en la animoj de la Esperanta popolo por konscii, ke tio ne devas okazi?

Kara leganto, frapu kun mi per la pugno sur la tablon kaj diru kiel sinceran promeson: N i f a r u f i n o n!

Aŭ, ni ne faru al ni iluziojn pri ekmarŝo de la samideanoj, manon en mano, kiel fratoj. Ni tro bone scias, ke por interhoma amo kaj frateco la mondo ne estas matura: al tiu idealo ĝi eble ne maturiĝos en denove du mil jaroj. Ni eĉ ne prediku amon kaj fratecon kaj estu jam kontentaj, se nur ne regas malamo kaj malamikeco kaj se almenaŭ la homoj toleros unu la alian. Ni estu modestaj kaj prediku nur toleremon kaj indulgemon.

Ĉu do vere nia organiza problemo estas tiel malfacile solvebla? Jam antaŭ la milito ĝi maltrankviligis niajn kongresojn. Kaj kiam en Hago la unua postmilita kongreso kunvenis, ankaŭ la organiza problemo denove aperis kiel malbona heredaĵo de la pasinteco. La fama Kontrakto de Helsinki ŝajnis fine solvi la problemon kaj ĝin sekvis almenaŭ kelkaj jaroj de ekstera trankvileco. Sed venis la rompo de la Kontrakto en Parizo kaj denove estis fajro kaj flamoj en la Esperanta mondo. Sekvis la Interkonsento do Kolonjo, naskita el longaj kaj malfacilaj intertraktoj. Ĝi enhavis tiom da belaj promesoj por la estonto, sed jam post unu jaro la Kongreso en Stockholm montris, kiel necerta estis la cemento, por kiu la Kolonja unueco estis masonita. Kaj nun denove tiu konflikto en U. E. A., kiu finiĝis per skismo kaj ree dividis la Esperantistaron en du malamikajn grupojn: I. E. L. kontraŭ U. E. A.....

Mi tute ne volas preni partion inter tiuj du antagonistaj asocioj; sendube el ambaŭ flankoj oni alportos argumentojn por pravigi sian vidpunkton, sed por la momento ili malmulte interesas min. Min interesas nur unu afero: tiu nova ĉagreniga **skandalo**, ke rec la Esperantistoj ne povas havi pacon inter si, ke denove ili riproĉos kaj insultos unu la alian kaj.... ke estontan jaron ni volas kunveni ĉe la tombo de la homo, kies altan idealon ni tiel krude ofendas!

Esperantista popolo, la parolo nun estas al vi! Viaj gvidantoj ne sukcesis trovi la vojon al la konkordo; estu vi la savanto en la decida horo. Ĉu estas via deziro, ke tiel ni daŭrigu kaj montru al la mondo la plej mizeran bildon de idealista movado? Samideanoj, aligu viajn voĉojn al mia propono, kiu ne sonu kiel senespera helpokrio, sed kiel decidema postulo: n i f a r u f i n o n!

Kion ni volas? Ni ne volas, ke ekzistu du aŭ pluraj konkurencaj mondorganizaĵoj en nia movado. Ni volas, ke estu unu sola asocio, en kiu estos loko por ĉiuj kiuj portas la honoran titolon de Esperantisto, difinitan de la Bulonja Deklaracio, en kiu ĉiuj esperantistoj povas partopreni kiel egalrajtaj membroj, al kiu ĉiuj esperantistaj organizaĵoj, ĉu lokaj grupoj, ĉu landaj asocioj, fakaj unuiĝoj aŭ kio ajn, povos aliĝi kun samaj rajtoj, nur dependaj de la membronombro.

Mi ne proponas la fondon de nova, de tria konkurenca asocio, sed mi proponas, ke vi, jam ne kalkulebla Zamenhofa popolo, kiu estas la vivo de Esperanto mem, ke vi esprimu kiel vian neŝanceleblan deziron, postulon, decidon, ke tia organizaĵo **ekzistu!** Donu al mi viajn voĉojn, unuopaj Esperantistoj, lokaj grupoj, diversecaj unuiĝoj, asocioj, societoj, per unu linio sur poŝtkarto aŭ per simpla vizitkarto, por ke mi povu konstati, ĉu la Esperantista konscienco vekiĝis. Kaj por ke mi povu diri al la estraroj de U. E. A. kaj I. E. L.: „Jen, parolis nia popolo, ĝi postulas pacon, kunlaboron kaj konkordon, la plej altajn principojn por nia afero, antaŭ kiuj ĉiuj argumentoj devas cedi. Ĝi volas, ke ĉiuj partioj oferu parton de siaj antaŭjuĝoj kaj aspiroj, de siaj privilegioj kaj eĉ de siaj rajtoj kaj de sia praveco sur l'altaro de tiu komuna afero, al kiu tamen, malgraŭ ĉiuj diferencoj kaj malakordoj, ni estas ĉiuj ligitaj kaj dediĉitaj. Nuligu la skismon kaj reunuiĝu en tiu ununura organizaĵo, kies unuaj principoj estu libereco kaj justeco, la plej bonaj garantiaĵoj por firma kaj daŭra konkordo."

Nur tiel kun liberigita konscienco ni povos prepari nin al la jubileo de Esperanto kaj doni la plej altan honoron al la memoro de ĝia kreinto!

**Ir. J. R. G. Isbrücker**
Oostduinlaan 32. Den Haag
Nederlando.

**DRO JAN MĘDRKIEWICZ.**

# LA ŜIPROMPIĜO.

Aperis en septembro 1936 en Londono unua numero de Oficiala Bulteno de Internacia Esperanto Ligo. Ĝi estas samtempe kvazaŭ publika enterigo de UEA kaj baptofesto de IEL. Post tiom da jaroj grava esperanta organizaĵo, kiu ekestis dank' al modela laboro, organiza talento kaj altinspira sinofero de Hector Hodler kaj post fervora subtenado de multaj miloj da esperantistoj, dissemitaj tra la tuta mondo, kaj lastatempe bazita sur interkonsento de Kolonjo — nun tiu ĉi UEA estas destinita al morto! Antaŭsignoj de l' danĝero montriĝis jam antaŭ jaroj, kiam Hodlera UEA perdis memstarecon kaj sub la saman titolon oni enportis novajn konceptojn. De tiam komplikiĝis la aferoj de UEA kaj ĉiujare pli kaj pli. Fine post la morto de Robert Kreuz kaj post alpreno de decido pri translokiĝo al Londono, ekestis katastrofo, solviĝanta nun antaŭ svisa Tribunalo.

Esperantistaro devas scii, ke malgraŭ ĉio, tiu ĉi malagrabla evento estis tamen tute facile evitebla. UEA baziĝas, kiel ĉiu publika organizaĵo en tuta mondo sur sia statuto. Tiu ĉi antaŭvidas en § 5., ke centra sidejo de UEA devas esti en Ĝenevo aŭ alia urbo en Svisujo. Per tiu § la statuto malebligis facilan translokiĝon de l' centra sidejo a-

tilanden, tamen la sama statuto antaŭvidas eblecon pri statutŝanĝo kaj difinas vojon tiuokaze irotan. Do, se estis vere gravaj kaj konvinkaj argumentoj por Londono kontraŭ Ĝenevo tiam malgraŭ § 5 oni povis solvi la aferon pozitive eĉ por Londono, lojale aplikante statutan proceedon.

Bedaŭrinde Estraro de UEA tion ne faris. Kial? Tio restas enigmo, ĉar mi ne povas supozi, ke estraranoj ne konis la statuton de UEA, aŭ ke ili facilanime ignoris ĝin. Konsekvence la decidoj de l' Estraro ĉu pri translokiĝo al Londono ĉu pri ŝanĝo de statuto per voĉdonado de delegitoj, ĉio estis aranĝita kontraŭ postuloj de l' statuto kaj konsekvence ebligis al svisaj samideanoj plendi ĉe svisa Tribunalo kun rezulto malfavora por la Estraro. Pro la sama kaŭzo ankaŭ la voĉdonado de l' delegitoj, laŭdire en 80% favora por Londono fariĝis laŭ leĝa vidpunkto senvalora. Ekestis do jura ĥaoso, senordo kaj por ĉion ripari necesus tutan agadon tiurilatan de l' Estraro trastreki kaj eklabori de komenco laŭ statuta vojo. Do bedaŭrinda estas ne la iniciato de svisaj samideanoj, kies agoj konformas al juro kaj statuto, sed bedaŭrinda estas erara, kontraŭstatuta decido de la estraro kaj la komitato pri Londono. Ĝi estas fonto de ĉiuj malagrablaĵoj, procesoj, financaj perdoj kaj organiza ĥaoso.

La Prezidanto opiniis tute nenecesa voĉdonigi Komitaton kaj malŝpari tri monatojn, por formala aprobo de delegita voĉdonado. Tiel skribante, Oficiala Bulteno erarigas la legantojn. Statuto de UEA ne postulas tute „formalan aprobon" de okazinta delegita voĉdonado, sed kontraŭe postulas, ke antaŭ la decido pri statutŝanĝo kaj voĉdonado de delegitoj estu koncerna propono de la Estraro, akceptita de la Komitato. Se sufiĉus „formala aprobo" post delegita voĉdonado, oni facile povus tion nun efektivigi. Sed tiel ne estas, tion redakcio de Oficiala Bulteno certe scias, kaj pro tio okazinta voĉdonado de delegitoj por Londono estas laŭstatute senvalora, transporto de UEA de Ĝenevo al Londono neebla, kaj noveformiĝinta IEL devas rezigni pri havaĵo de UEA, kiun ĝi cetere lasis kvazaŭ por pereo. La afero similas, kiam en danĝera momento ŝipestraro forlasas la ŝipon, ne zorgante plu pri ĝia sorto. La ŝipon oni devas savi kaj esti sperta trakonduki ĝin eĉ tra furiozaj ondoj. La homoj ridas pri niaj agometodoj, vidante rubojn de Esperanto-Centro en Ĝenevo!

Tute nekomprenebla estas frazo, ke protestintoj ne permesas, ke la elektita Direktoro laboru en Ĝenevo. Se tamen ĝi estas vero, videble estas jura bazo por tiu opinio, ĉar sendube Estraro kaj Komitato ja ne cedus kontraŭ malprava opinio de privataj personoj, kiaj estas la protestintoj. Afero do postulas en tiu punkto klarigon.

Deziro de granda plimulto de esperantistaro ankoraŭ tute ne estas difinita rilate al Londono aŭ kontraŭ Ĝenevo. Aplikita metodo de formuligo de demandoj por delegitoj estis tiom komplika kaj en kelkaj punktoj kontraŭlogika, ke aldoninte al ĝi postan aritmetikon — oni povas diri, ke rezulto ne estas konvinka.

Argumento pri malmultkosteco de Londono kompare al Ĝenevo eĉ ne povas esti taksata sufiĉe serioza kaj grava por nuligo de UEA kaj fondo de nova IEL. Oni skribas: nur nova nomo estas enkondukita, ne temas pri nova organizaĵo kaj, ke ne estis alia alternativo, ĉar svisaj leĝoj devigas, ke UEA restu en Ĝenevo, kie ĝi ne povas plu vivi. Estas eraro. Svisaj leĝoj nur postulas, ke publikaj organizaĵoj, ekzistantaj en tiu lando, obeu al propraj statutoj kaj ne agu kontraŭ ili. Mi supozas, ke la samon postulas anglaj leĝoj, kaj ankaŭ leĝoj en ĉiuj civilizitaj landoj, funkciantaj laŭ juraj principoj.

IEL skribas, ke oni restarigas en Britlando la korpon, la kapon, la koron, la animon de UEA, nur sub nova nomo. Mi do demandas, ĉu sole pro nova nomo indas mortigi UEA kaj krei IEL? Certe ne! Se UEA funkciis por realigo de tutmonda esperanta celo ne sufiĉe bone, do se restos pluen la sama korpo, kapo, koro, animo, — ankaŭ en Londono ni ne povas esperi pli bonan plenumon kaj realigon de Esperanto-celoj.

Ĝuste necesega estas ŝanĝo de ideoj en la kapo kaj animo kune kun ŝanĝo de agometodoj de l' korpo, por ke atingado de Esperanto-celoj en la mondo estu realigata pli fruktodone ol nun, por ke progreso de nia afero estu pli racia kaj rapida en skalo unulanda kaj tutmonda.

De multaj jaroj oni instigas Estraron de tutmonda esperanto-movado okupiĝi speciale pri tio, kio estas ĝia propra, in-

dividua tasko kaj lasi aliajn propagandajn aferojn al agosfero de landaj asocioj kaj lokaj societoj. Tiu ĉi ĉefa tasko de la Estraro de UEA estas principe enkonduko de deviga instruado de Esperanto en lernejoj de ĉiuj civilizitaj landoj. Tion oni jam pritraktis dum Krakova Kongreso en kunsidoj de ĝenerala estraro de esperanto-movado, laŭ iniciato de Scienc-politika Sekcio, fondita en Łódź en 1930 j. Kaj tiam oni akceptis, kiel bazon por ekstera agado de Centra Komitato la ideon pri Internacia Lingva Traktato, kiun devas prilabori kaj akcepti Internacia Konferenco de Regnoregistaroj. Oni komisiis tiam al Centra Komitato komenci la agadon laŭ tiu principo.

Ĉu Internacia Esperanto-Ligo donas garantion, ke ĝia agado estos utila por tutmonda esperanto-movado?

Caveant consules!!...

**(Noto de la Redakcio.** La argumentoj kaj konkludoj de la aŭtoro povas esti facile refutitaj, ĉar ne ekzistas problemo, kiun oni ne povus kelkmaniere solvi. Komprenebla ĉiuj kaj unuavice malnovaj esperantistoj, kiuj antaŭ 29 jaroj staris ĉe la lulilo de la naskiĝinta UEA, tristkore bedaŭras la disfalon de tiu organizaĵo, kiu fariĝas nun viktimo de ŝanĝiĝintaj rilatoj en nia movado. Sed ni ne forgesu, ke bezonoj de la fluanta vivo, kiujn oni devas senprokraste jam nun kontentigi, postulis tujan starigon de alia organizo preta ekagi kaj daŭrigi la interrompitan laboron de UEA.

Eĉ simpla oportunismo altrudas al ĉiu esperantisto la neceson apogi la laboron de IEL, kiu ja celas nur servi al nia movado. Kiu kontraŭbatalas nian novan centran organizaĵon nur pro tio, ke la eksiĝinta estraro de UEA eble ne tro strikte observis ian paragrafon de la statuto, tiu malatentas, ke dum la Viena Kongreso „batis jam la 12-a horo", kaj ke la sekureco de nia movado postulis tujan agadon. Ni ne „elverŝu la infanon kune kun la banakvo...").

DR. LEOPOLD DREHER.

# ANKORAŬ PRI -ATA KAJ -ITA.

De s-ro Rollet de l' Isle, la prez. de la Akademio mi ricevis jenan leteretôn: „La formoj kiujn vi proponas en P.E. ne ĉiuj estas logikaj. Vi povas diri: la ĉeĥa nacio estis venkita kaj la patriotoj deprimitaj, ĉar la momento de la ago ne estas sufiĉe precizigata de la dato (1620). Sed vi devas diri: Dro Z. estis emociata, ĉar la momento estas montrata per: kiam li publikigis sian unuan broŝuron".

Inter mia opinio kaj tiu de s-o Rollet de l' Isle estas do diferenco koncerne uzadon de tiuj verboj pasintaj, kies m o m e n t o e s t a s k o n a t a. La prezidanto volas en tiuj kazoj uzi: estis -ata.

Tiu kriterio, nome ke la tempo de iu ago pasinta estas konata, estas, laŭ mia scio, apartaĵo de la prezidanto. Eble li pravas, sed mia lingva sento diras al mi, ke „Dro Z. estis emociata" estus tro pedanta esprimo. Kiam mi verkis mian Superan Kurson de Esperanto, s-o Walter Lippman skribis al mi, ke li preferas: Dro Z. estis ekscitita, anst. ekscitata (vidu Supera Kurso de Esp. paĝo 15, linio 4). Mi obeis al Walter Lippman, jen kial mi presigis: ekscit**ita**, ne: ekscitata.

Mi ripetas m i a n vidpunkton pri la tuta afero: **Estas -ata** montras agadon kiu respondas al la demando: kio okaźis pri la subjekto de la propozicio? Dume **estis -ita** respondas al la demando: kia estis la subjekto de la propozicio.

Sed notu bone, ke mi neniam kaj neniel emas fiksi najlojn en la simplan konstruaĵon de nia juna lingvo, tiel senigante ĝin de ĝia fleksebleco kaj facila uzebleco. Tial mi tute ne asertas, ke mia opinio estas netuŝebla kaj ĉia alia opinio meritas kondamnon. Tiel instruis nin nia neforgesebla Majstro, kiu en tia problemo certe estus dirinta:

Oni povas diri ankaŭ: emociata. Precipe, se ni volas a k c e n t i la propozici-parton: **Dro Z. estis emociata,** nome akcenti, ke ni volas respondi precize kaj ĝuste al la demando: k i o o k a z i s pri Dro Z. en la momento kiam li eldonis sian unuan broŝuron? En tia kazo temas pri prezento de la anima stato de Z., temas pri tio, ke ni deziras turni la atenton de la leganto (aŭskultanto) al la fakto, ke en la animo de Z. okazis io kion ni nomas emocio; ni plidaŭrigas la verbonhavon „emocii" kaj montras la emocion en viva maniero.

# ĈEFARMEESTRO EDWARD ŚMIGŁY-RYDZ — MARŜALO DE POLUJO.

Kiam la 12-an de majo 1935 j. elkuris en la mondon funebra sciigo pri la morto de Marŝalo Józef Piłsudski, kiam la pola popolo transportis la ĉerkon en la eternan ripozejon apud Sobieski, Batory kaj Kościuszko, tiam la tuta pola nacio konsciiĝis al si la doloran sortobaton, kiu ĝin trafis. Ĉar kvankam la Marŝalo formale nur okupis la postenon de ĉefarmeestro, neniu grava decido en la vivo de ŝtato povis esti akceptita se Lia aprobo. Tiu granda homo, kiu posedis ĉiam tiel klaran politikan senton, sciis bone, ke Polujo devas havi gvidanton kaj Li decidis en sia politika testamento, ke Lia kunlaboranto kaj venkinto dum kontraŭbolŝevikaj bataloj devas okupi Lian lokon. La okazintaĵoj de la lastaj tempoj pruvis bone, ke pli valoran homon ol generalo Śmigły-Rydz ne povis la Renoviginto de Polujo elekti. La generalo Śmigły-Rydz posedas specialan talenton konkeri la korojn de samcivitanoj kaj lia profundsenta agado konvinkis baldaŭ ne nur Polojn, sed ankaŭ la eksterlandanojn, ke la generalo ne nur formale sed ankaŭ fakte prenis sur siajn ŝultrojn la heredaĵon de la neforgesebla Marŝalo.

Generalo Śmigły-Rydz akceptis antaŭ kelkaj tagoj el la mano de la Ŝtatprezidanto la marŝalan bastonon, kiun ĝis nun nur Marŝalo Piłsudski kaj la franca marŝalo Foch posedis. Tiun novan distingon ricevis brava soldato, kiu en siaj junulaj jaroj estis pentristo, kaj tiu vivo kiel artisto reflektiĝas forte en lia karaktero.

Tiu viro, kiu mem en la plej gravaj situacioj konservis trankvilon kaj ekvilibron de la spirito, dediĉis ĉiun liberan tempon por perfektiĝado ankaŭ sur aliaj kampoj, tute ne perfidante siajn junulajn inklinojn, sed lia artkompreno kaj amo al belo donis al lia karaktero iun viglecon kaj ĉarmon.

Kiel politikisto estas Marŝalo Śmigły-Rydz „selfmademan", ĉar li komencis interesiĝi pri politikaj demandoj ne pli frue, ol en la tempo, kiam li atingis la plej altajn gradojn de la militista kariero. Malgraŭ tio li ne partoprenis en la aktiva politiko, ĝis kiam lin la postmorta ordono de la Marŝalo kaj Komandanto alvokis por plenumo de taskoj, kiuj lin devigis, nun ankaŭ politike agi.

Marŝalo Śmigły-Rydz fariĝis baldaŭ favorulo de tuta nacio, kies absolutan konfidon li ĝuas. En la momento, kiam Marŝalo Śmigły-Rydz okupis sian novan postenon, li prenis kun tiel forta mano la kondukilojn de sia respondeca ofico, ke ĉiuj kun tute natura komprenebleco submetis sin al liaj ordonoj kaj decidoj.

Marŝalo Śmigły-Rydz kiel sperta konanto de la pola animo kaj majstro en ĉiutaga kunvivo kun homoj, posedas plej bonajn ecojn por politikisto. Profunda seriozeco, rapida sinorientado en plej malfacilaj situacioj, natura subtileco kaj senlima amo al Patrujo — tiuj ecoj, kiuj nur malofte ĉe unu homo koncentriĝas — permesas al li sukcesan plenumadon de malfacila ofico, kiun li kiel fidela adepto de Marŝalo J. P. nur kun dolora koro sur sin prenis.

La ĉefa celo de pola politiko sub plej alta gvidado de Marŝalo J. P. estis konservo de ĝenerala paco en Eŭropo kaj bona interkonsento kun ĉiuj ŝtatoj. La eŭropa situacio bedaŭrinde tiamaniere formiĝis, ke la plej malgranda okazo povis kaŭzi eksplodon de malamikaj sentoj, kies rezulto estus nova mondmilito.

„Si vis pacem, para bellum", tiu malnova roma proverbo fariĝis bedaŭrinde hodiaŭ denove aktuala kaj puŝas ĉiujn eŭropajn ŝtatojn al plej moderna ekipado de la armeoj. Tiu vetkurado en la armigado tute malhepas la ekonomian disvolviĝon kaj kaŭzas ĝeneralan krizon, ĉar ĉiuj ŝtatoj klopodas kiel eble plej baldaŭ esti plej bone ekipitaj por nova mondmilito.

Por mildigi la kontrastojn en Eŭropo estas malgraŭ ĉio necesa la alproksimiĝo de la ŝtatoj, por ke estu kreita konstelacio, mildiganta la malpacojn kaj malamikajn sentojn inter la popoloj. Tiu intenco devigis Marŝalon Śmigły-Rydz fari politikan vojaĝon al Parizo. La vojaĝo de Marŝalo Śmigły-Rydz al Parizo havis gravan signifon ne nur por la koncernaj ŝtatoj sed ankaŭ por la

eŭropa ĝenerala paco. La dekunuan de novembro k. j. festis Polujo solene la Tagon de Sendependeco ankaŭ kiel tagon de homagio al ĝisnuna ĉefarmeestro. La Ŝtatprezidanto prof. Ignacy Mościcki distingis lin per plej alta ordeno de Blanka Aglo kaj enmanigis al li la marŝalan bastonon kiel simbolon de plej alta militista rango.

Tuta Polujo estas konvinkita, ke ĉe sia nova Marŝalo trovos la armeo la plej amatan Komandanton, kaj la popolo sian defendanton kaj reprezentanton de plej noblaj ideoj, kaj absoluta, neprofitema laboro por la nacio.

**Nusia Bertig-Dattnerowa.**

# Jubileo Andreo Cseh

En ĉi tiu somero la Esperantistaro ĉiude festis la 25-jaran jubileon de la eminentaj verkistoj K. de Kaloscay kaj Julio Baghy.

Eble malmultaj scias, ke ne malpli da instruistoj en la tuta mondo, vekante intereson ĉe novaj kaj malnovaj esperantistoj.

Nun ni deziras feste rememori la fakton, ke li dum 25 jaroj senĉese dediĉis



grava jubileo atendas nin. Ankaŭ Andreo Cseh jam de 25 jaroj laboras en la servo de nia movado.

Ni ne bezonas tie ĉi large priparoli la meritojn de Andreo Cseh, kiu senripoze laboradas por antaŭenpuŝi la movadon.

Andreo Cseh pliriĉigis nian anaron je miloj da novaj, entuziasmaj adeptoj. Lia fama metodo estas aplikata de centoj sin al Esperanto.

La Haga grupo „Fine Ĝi Venkos" festos sian 30-jaran jubileon je lundo, la 28-an de decembro en salono de la Zoologia Ĝardeno, Benoordenhout 2, Den Haag. La intenco estas en la sama vespero festi la 25-jaran jubileon de Andreo Cseh kaj transdoni al li memoraĵon pri ĉi tiu grava fakto.

Ni invitas la Esperantistojn partopre-

ni en ĉi tiu festo persone aŭ perletere. Leteroj por laŭtlego en la festvespero povas estis sendataj al la jena adreso.
F-ino C. E. van Voorthuijsen
Noordeindsplein 2-a, Leiden, Ned.
Tiuj, kiuj volas partopreni en la donaco (dependonta de la kolektiĝinta sumo) povas sendi sian kontribuon al la sama adreso, antaŭ la 15-a de decembro 1936. (Poŝtĉekkonto de F-ino v. Voorthuijsen: 133688).

La Jubilea Komitato:

**F-ino C. E. van Voorthuijsen**
Noordeindsplein 2 a, Leiden,
**F-ino S. M. Grönlob**
Rijnkade 15, Leiden,

**S-ino M. C. van Nooten - van Nooten**
Jac. Mosselstr. 14 a, Den Haag,
**F-ino N. Rademaker**
Westplantsoen 43, Delft.

# JOHANO III SOBIESKI — POLA REĜO.

Fieraj bandoj de turka armeo prepariĝadis por subigi la kristanan mondon, por, piedpreminte la krucon, sur ĝian lokon enmeti la oran duonlunon. Je sciigo pri tiuj prepariĝadoj la aŭstria imperiestro Leopoldo I komencis helpe de tiutempa papo Inocento XI. klopodojn por akiri por si helpon de eksterlando. Efektiviĝis tiam kontrakto pola-aŭstria, per kiu Pollando promesis doni militistan helpon al Aŭstrio okaze de milito kontraŭ turkoj.

Venis la jaro 1683. Granda turka armeo sub komando de granda veziro Kara Mustafa ekmarŝis kontraŭ Eŭropo. Nun la venkoriĉa duonluno minacis ne nur la najbarajn landojn, sed al la tuta tiama Eŭropo, ĝiaj religio kaj kulturo. La plej proksima remparo de kristanismo kaj kulturo estis Vieno, do tien direktis sian armeon la granda veziro. Tiam eksplodis batalo inter armeo de Mahometo IV. kaj tiu de Leopoldo I. La imperiestra militistaro, ne povante kontraŭstari la forton de la atako retiriĝis malantaŭ Vienon, kiun defendis nur la brava garnizono sub komando de grafo Stahremberg. La imperiestro, vidante, ke la propra ne granda armeo ne sukcesos venki la grandegan armeon de Mahometo IV, turnis sin al Pollando kun peto pri helpo. Johano III. Sobieski alvokata ankaŭ de papo Inocento XI, memorante pri kontrakto aŭstria-pola, en aŭgusto 1683 ekmarŝis frunte de 30.000-a armeo tra la plej mallonga vojo tra Silesio kaj Moravio al Vieno. Li sciis bone, ke, se la ĉefurbo de la imperio estus venkita, turkoj minacos Polujon, kaj poste la tutan kristanan Eŭropon. Transiĝinte kun la militistaro trans Danubon apud Tulln, kunigis Sobieski la polan armeon kun tiu de la imperiestro kaj kiel komandanto de ambaŭ amikaj armeoj li kondukis la 12. de septembro de tiu jaro la venkan batalon kontraŭ Turkoj. La malamikon, sieĝantan Vienon, reĝo Johano III. ekatakis de okcidento marŝante laŭlonge de Danubo tra la Viena Arbaro. Ne pli frue ol en fino de la tago Sobieski persone kondukis la polan kavalerion, rezulte de kio okazis frakasa atako kontraŭ malamiko, kiu en daŭro de unu horo estis disbatita. La fieraj standardoj de Mahometo IV. kuŝis en polvo ĉe piedoj de reĝo Johano III. Grandega turka tendaro plena de riĉaĵoj fariĝis konkeraĵo de la venkintoj.

Per la Viena venko Pollando dokumentis, ke la alnomo donata al ĝi de historiistoj „Pollando — antaŭmuro de kristanaro" (Polonia, antemurale christianitatis) estas al ĝi trafe donata.

Vieno danke al genio de la pola reĝo estis savita, kaj turkoj suferis decidan malvenkon, kiu fariĝis komenco de malheliĝo de la otomana duonluno. Tamen la reĝo humile skribante leteron al papo Inocento XI. okaze de transdono al li de la konkerita standardo de Mahometo IV., komencas tiuvorte: Veni, vidi et Deus vicit... (mi venis, vidis kaj Dio venkis), ĉar antaŭ la granda batalego apud Vieno petegis Dion Johano Sobieski en preĝejo sur Kahlenberg, preĝante tie pri la venko kune kun aliaj estroj de la amikaj armeoj kaj arego da kavaliraro.

* *
*

La personon de reĝo Johano III., kiel de kavaliro kaj armeestro fiksis la historio, tamen la laŭroj de la venkinto kaj brilo de triumfoj malheligis lumplenan figuron de homo Johano Sobieski.

Kaj ja tiu „lumo de Polujo, suno de Eŭropo, malheligo de otomana luno, fulmotondro de orientaj landoj", en profundo de animo ĉiam restis zorgema patro, kompatema kamarado, amanta edzo, granda sinjoro kun alta spirita kulturo.

Pri tio atestas ankoraŭ hodiaŭ preĝejoj kaj monaĥejoj malavare de li fondataj, pri liaj inklinoj kiel de amanto de sciencoj kaj belarto, kiujn li kulturis en la tuta lando kun reĝa malavareco, atestas ĝis nun konservataj libraroj kaj kolektoj, pri artista gusto — la lasta rezidejo en Wilanów (Vilanuv), pri amo al naturo kaj pejzaĝo — kverkoj, larikoj kaj tilioj, enkreskigataj de lia mano.

En kastelo en Olesko ekvidis Johano Sobieski la tagan lumon la 17. de junio 1629. La familio de Sobieski estis familio de herooj. Avo de Johano, Marko, estis unu el ĉnuaj militistoj de reĝo Stefano Batory. Lia patro, Jakobo, partoprenis ĉiujn militajn ekspediciojn de tiu periodo kaj estis unu el plej riĉaj homoj en orienta limprovinco de Pollando.

Post tre ekzakta, ĉiuflanka eduko, en kiu oni ne preterlasis filozofion kaj muzikon, post ekkono de la mondo kaj homoj dum eksterlandaj vojaĝoj, post ellerno de milita arto kaj lingvoj, ekzerciĝas Johano Sobieski en kavalira lernejo post reveno patrujon dum bataladoj kontraŭ kozakoj kaj tataroj. Pro militaj meritoj li estis nomata en 1956. standardportisto, en j. 1665. vicarmeestro, kaj baldaŭ poste — ĉefmarŝalo de la Respubliko.

En la sama jaro dum vojaĝo al Warszawa li ekkonas vidvinon de vojevodo Zamojski, Marion Kazimirinon d' Arquien, tiam 31-jaran. La juna, spritoplena kaj talenta heroo metas ĉe piedoj de la bela francino honorojn, riĉaĵojn kaj gloron. La edziĝa soleno okazis senprokraste. Papa nuncio Odescalchi (postea papo Inocento XI) kunligis la indan paron.

La venkoj de Sobieski en turkaj militoj malfermis al li vojon al trono. Pollando elektis la plej bonan el siaj filoj, kiu tiomfoje savis la respublikon, kiu estis personiĝo de virtoj kaj heroeco. Ĝi elektis lin reĝo, kvankam la plej eminentaj dinastioj samtempe konkuris pri voĉoj de polaj elektantoj. Johano la III, por kiu bono de la patrujo estis la plej alta ordono, prokrastas la kronadon kaj rapidas defendi limprovincojn de Pollando. Por sia nacio li akiras gloron, kaj la mondon li plenigas per miro kaj rekono. En aŭgusto 1683. li rapidas por defendi la ĉefurbon de Aŭstrio, la 10. de septembro li haltas apud Vieno kiel komandanto de la pola kavaliraro.

Inter batala tumulto kaj tondro de kanonoj liaj pensoj kuras al la edzino, Marinjo. Unu kurieron post la alia li elsendas kun leteroj, flagrantaj per junula amo. Tutajn tagojn li pasigas, pripensante marŝojn kaj strategiajn planojn, de kiuj dependis sorto de la imperio, ne kliniĝante sub ŝarĝo de respondeco kaj de tiom da teruraj danĝeroj, kaj la noktojn li pasigas ĉe verkado de longaj leteroj al Mario Kazimirino. Ne tolerante pro ŝiaj ĉiamaj riproĉoj, per kiuj lin tiranis la malica kaj kapricema virino, li skribis al ŝi:

„Mi ankaŭ plendas je via moŝto antaŭ mia koro, mia unununre amata Marinjo, ke ĝis nun mi ne sukcesis akiri pli bonan reputacion post tiel grandaj pruvoj de mia amo. Ĉu indas min suspekti, ke mi ne legas viajn leterojn, kiam mi por mia plej granda plezuro minimume trifoje ilin legas, unue, kiam ili venas, due, kiam mi — liberiĝinte de publikaj aferoj — enlitiĝis, trie, kiam mi respondas. Mi tute ne konsideris tion, antaŭ kiom da jaroj ni geedziĝis, kiom da infanoj mi havas — ne nur en letero, sed eĉ ne en penso. Ke kelkfoje mi ne multe skribas, ho mia karulino, oni devus tion atribui al aliaj kaŭzoj, sed ne al tiu, kiun vi bonvolas senpripense kaj maljuste imagi. Duona mondo da homoj forestas de si nur kelkajn mejlojn, kaj pri ili ĉiuj oni devas pensi, ankaŭ pri domaj aferoj, oni devas eĉ plej malgrandan aferon prizorgi kaj la tempo mankas. Moŝto mia, mia karulino, pro amo al mi mi petas vin ne enlitiĝi tiom frue, ĉar via sano ne povus tion toleri, ke vi frumatene enlitiĝu, kaj malfrue kuŝiĝu, kaj se tion via moŝto por mi ne faros, mi multe ĉagreniĝos kaj vi malutilos al mia sano kaj eĉ pli multe al la via, kiu estas unununra konsolo por mi sur tiu mondo. Koncerne la amon, ni prijuĝu nin, mia karulino, kiu en ĝi pli multe malvarmiĝas: en mi, kvankam la aĝo ĝin ne plu varmigas, tamen la koro kaj la menso estas ĉiam varmaj, ĉiam varme-

gaj kaj senpaŭze amantaj. Cetere ja estis tiel dirate, m o n a m o u r, ke ĝi devis esti v o t r e t o u r, ke de la animo de via moŝto la karesoj estis komenciĝontaj, kaj ori tio ili tute ne plenumas la diritan vorton. Tiel do, mia kara konsolantino, bonvolu vian kulpon ne atribui al iu alia, sed montri ne nur en penso, skribo, parolo, sed ankaŭ en efektivo, ke vi amas senŝanĝe vian Celadonon, kiu nun finante, kisas nun ĉiujn belaĵojn de la plej amata kaj unuunura Marinjeto sia ".

„Unuunura konsolantino de la animo kaj koro, la plej belega kaj la plej amata Marinjeto, l a r o s e, l e b o u q u e t, l e s a s s e n c e s, milionfoje mi kisas ĉiujn belaĵojn de via moŝto" — tiuj karesaj vortoj ripetiĝas sennombre en leteroj de la heroo, admirata de la tuta mondo, kaj de la amanto, tiutempe estanta jam en aĝo de 54 jaroj. Li pensas pri la hejmo, la infanoj, pri ĝardeno, pri rikoltoj, kaj antaŭ ĉio li maltrankviliĝas pri humoro kaj sano de Marinjeto.

Tiu mirinda harmonio inter heroeco kaj alligiteco al la hejma fajrujo, harmonio de milito kaj amo, reĝa majesto kaj modesteco, malŝato al morto kaj amo al vivo, gloro kaj simpleco, potenco kaj nobla modereco — kreis esencon de la karaktero de la reĝo.

Samtempa al li scienculo episkopo Załuski diras pri li: „Li eble estas unua inter la reĝoj, sub kies regado eĉ ne unu guto de sango estis elverŝita por venĝi liajn ofendintojn. Li havis unuunuran malbonan econ, tio estas, ke li ne estis senmorta. Li estis naskita por la mondo kaj vivis nur por la patrujo".

Tro sincera kaj malkaŝema en la politiko, ne konanta intrigojn kaj ruzojn, iranta ĉiam la rektan vojon de sia misio kaj vidanta nur unu celon antaŭ si: bonon de sia lando kaj nacio — li devis suferi gravajn malesperojn, ekkoni dolorajn elreviĝojn.

El aro da civitanoj suprenigita je la reĝa trono, kovrita per gloro la heroo havis koron mordatan de ĉagreno. Ĉagrenoj kaj hejmaj suferoj pligrandigadis maldolĉecon en la animo. Mario Kazimirino malpacigadis per intrigoj kaj malkonkordo la hejman trankvilon. „Por mi tio estas plej dolora, ke mi pereas de tiuj manoj, al kiuj mi ĉion, kion mi havis en la mondo, dediĉis, kaj la sanon, kaj la liberon kaj ĉian riĉaĵon" — li ofte ripetadis ĉe finkliniĝo de sia vivo.

De malpacoj kaj politikaj kvereloj li forkuradis al sia rezidejo en Wilanów, kie Johano la III vivis, kiel simpla civitano, kie li mem kreskigadis la arbojn, mem aranĝis ĝardenon kaj parkon, — estis por li la plej agrabla loko de ripozo. Situita proksime al Warszawa, la rezidejo ankoraŭ hodiaŭ apartenas al la plej belaj vidindaĵoj de arkitekturo kaj famas pro siaj riĉaj kolektoj. Hodiaŭ ĝi estas propraĵo de familio Branicki.

Amanta la arton kaj arkitekturon, la reĝo Johano III. mem inspektis siatempe konstruadon de la palaco, li komisiis la laborojn al arkitektoj fame konataj: Belotti, Ceroni, Affatti, Locci; ornami la internaĵojn li komisiis al eminentaj pentristoj kaj skulptistoj.

Inter portretoj kaj valoraj bildoj, inter multaj muzeaj kolektoj en riĉe provizita biblioteko plej bone sentis sin la Sinjoro de Wilanów. Ĉi tie travivis li la tutan idilion kun Marinjeto. Tie li kaŝis sin antaŭ hipokriteco kaj envio de samtempuloj.

Ankaŭ tie la tago 17. de junio 1696, kiu pro mirinda hazardo estis datreveno de naskiĝo kaj elekto kiel reĝo, fariĝis tago de lia morto.

## *Polaj Premiitoj.*

Dum la XVII-aj Floraj Ludoj Internaciaj de „Kataluna Esperantista Federacio", okazintaj en majo 1936 en Manresa, ricevis LEO BELMONT el Varsovio du premiojn por la originalaj noveloj: de la Grupo Ama Verko en Prozo por „Kunigitaj por ĉiam" kaj la premion V por „En labirinto de Amo". La originala poemo de HALINA WEINSTEIN el Varsovio meritis la trian mencion al la Natura Floro en la nomita literatura Konkurso.

La premiitoj ricevis tre belajn artiste faritajn diplomojn.



# Helena Hempel

Kiu malnova esperantisto ne konas tiun nomon? La karmemora Helena Hempel, kiu mortis en Lwów, la 20-an de aŭgusto k. j., atinginte la aĝon de 90 jaroj, estis ja fervora esperantistino dum preskaŭ 35 jaroj.

Ŝiaj sociaj laboroj, celantaj vekadon kaj firmigadon de nacia konscio kaj patriotaj sentoj ĉe tiu parto de pola popolo, kiu antaŭ la reviviĝo de Polujo estis minacata de eksterma politiko de tiamaj registoj, ekstreme absorbadis la fortojn de la Mortintino, kiu tamen ĉiam trovis ankoraŭ tempon por partopreni en nia movado.

Ŝia agado sur popolkleriga kampo estis grandioza. Ŝi dum 10 jaroj kunlaboris ĉe la redaktado de porvilaĝana gazeto, „Wieniec i Pszczółka" kaj eldonadis similcelajn broŝurojn, defendante la sociajn kaj naciajn rajtojn de polaj kamparanoj. Kiel publicistino ŝi estis tiel kuraĝa en la esprimado de siaj opinioj kaj mondkonceptoj, ke la aŭstria prokuroro dufoje konfiskis ŝiajn verkojn. Ŝi tute ne malesperis, kiam la aŭstria juĝisto dufoje kondamnis ŝin al karcerpuno pro ŝia publicista agado, sed la verdiktojn ŝi akceptis kun stoika trankvileco. Forlasinte la karceron, ŝi kun rideto rakontis al siaj geamikoj, ke la kelksemajna restado en malliberejo estis por ŝi vera ripozo, ĉar ŝiaj trostreĉitaj nervoj kvietiĝis.

Kiel sincera, subtilanima homaranino ŝi per plumo fervore propagandis nian lingvon, kiun ŝi majstre estris. Dum sia longa vivo ŝi verkis multe da originalaj kaj tradukitaj noveloj, dramoj, komedietoj, monologoj, versaĵoj k. t. p. kiuj estas dissemitaj en diversaj revuoj. Kelkfoje ŝi estis premiata dum literaturaj konkursoj. Ni citu almenaŭ la premiojn ricevitajn de Helena Hempel en la postmilita tempo: En la jaro 1920 por la unuakta dramo „Patrinaj embarasoj", en la jaro 1924. du premioj de B. E. A., en Londono por la novelo „La lepora koro" kaj la studaĵo „Virino kaj vesto", en la jaro 1926. por la studaĵo „Ĵaluzegoj, ĵaluzoj kaj ĵaluzetoj" en la Floraj Ludoj en Santa Colonna di Farmes k. a.

Ŝi postlasis en sia paperujo 27 diversspecajn literaturaĵojn, kiuj ĝis nun neniu estis publikigataj.

Pacon al cindroj de sentima pledantino por popolaj rajtoj kaj altspirita samideanino!

**La Redakcio.**

HELENA HEMPEL.

## „En la albumon de F-ino Emilia E"

Al Vi nun ĉio gaje ridetas,
Car Vi ja estas en aĝa floro;
La estonteco ĉarme radias,
Kvazaŭ semita per bril' de l' oro.

Sed dum la ĝoja vivadĝuado
Vin ne forlasu la rememoro
Pri la ĉiama animprogreso,
Kiu de l' homo estas valoro.

Car konvinkiĝu kaj kredu fine,
Ke ne ekzistas pli alta gloro,
Ol por feliĉo de proksimuloj
La persevera, arda laboro.

(El postmorta paperujo).

# BONAJ AMIKOJ.

Malgranda sinjorino Sonjo estis tre timema kaj ĵaluza. Sed ŝi havis veran kaŭzon, ĉar Georgo estis bonkonata diboĉulo.

Hodiaŭ sinjorino Sonjo havis specialan kaŭzon montri tiujn du ecojn de sia karaktero. Frumatene Georgo forveturis aŭtomobile en proksiman urbon. Li devis viziti tie kelkajn klientojn, kio estis escepte vera, kaj promesis reveni hejmen plej malfrue je oka horo vespere.

Naŭa horo pasis, eĉ naŭa kaj duono, Georgo tamen ne revenis...

Subite ektondris, oftaj fulmoj lumigis la ĉielon. Sinjorino Sonjo ne rememoris tiel grandan uraganon kaj maltrankviliĝis. Unu tondro sekvis la alian, pluvego surverŝis la stratojn.

La kompatinda sinjorino ne sciis kion fari. Kie povas esti nun Georgo? Ĉu ne okazis al li malfeliĉa akcidento?

Ŝi klopodis telefoni al plej bonaj amikoj de Georgo en la urbo. Sed vane. La telefonaparatoj ne funkciis.

Zorgema kaj timema pro sorto de la edzo, ŝi forsendis kvar samtekstajn telegramojn al kvar plej bonaj amikoj de Georgo.

Ŝi meditis pri la sorto de amata Georgo kaj ploris senĉese. Fine la ĉielo klariĝis kaj la fulmotondro preterpasis.

Post unu horo alveturis Georgo tute sana kaj gaja. Nur raddifekto estis la teda kaŭzo de malakurateco. Li ne povis trankviligi karan edzinon, ĉar la telefonaparatoj ne funkciis.

Danke al Dio ĉio en ordo. Sinjorino estis tute feliĉa. Ili kune altabliĝis kaj komencis vespermanĝi. Humorplene rakontis Georgo ĉiujn aferojn en la urbo. La agrabla babilado daŭris jam preskaŭ unu horon.

Tiam sonorilo interrompis la konversacion. Sinjorino Sonjo kuris rapide al la pordo, en kin aperis telegramportisto.

Ĉu vi povas imagi la mienon de sinjorino Sonjo, kiam en ĉiuj kvar telegramoj ŝi legis la saman enhavon: — „Ne zorgu tute, Georgo tranoktos ĉe mi."

Poste, kiel oni rakontas, sinjorino malkaŝis sian opinion pri amikoj de sia edzo. La interparolo daŭris sufiĉe longe, akompanata de fortaj ploratakoj. Estas sekreto kiamaniere ĝi finiĝis.

Elpoligis
**Helena April.**

# AL LA AMIKOJ DE LA HUMANECO KAJ PACO EN LA TUTA MONDO.

Represo kaj traduko dezirataj, kondiĉe ke oni sendu 2 pruvekzemplerojn al la Centra oficejo de „Harand-movado", Wien, I., Elisabethstrasse 20, Aŭstrio.

Fanatike ekscititaj kaj avidegaj homoj volas organizi novan amasbuĉadon. Danĝera milit-agordo regas en la tuta mondo. La armado manĝegas grandegajn monsumojn. La entuziasmiĝemo de la junaj homoj estas misuzata, por jungi ĝin antaŭ la ĉaron de la milit-agitistoj. Se ni ne defendos nin energie, ni ĝisvivos novan teruran ripetiĝon de la mondmilito. Unu sola fajrero povas sufiĉi, por eksciti la mondbruladon.

Kion la mondmilito alportis al la venkitoj kaj kion ĝi donacis al la venkintoj? Milionoj da viktimoj, kies floranta vivo estis detruita, milionoj da militkripluloj, vidvinoj kaj orfoj, milionoj da ekzistadoj detruitaj per la inflacio. La lasta konsekvenco de la mondmilito estas la krizo de la mondekonomio. Sed la mondmilito dezertigis ankaŭ la animojn de la homoj. La homa vivo fariĝis senvalora. La ideoj: fideleco, libereco, vero, justeco ne plu ekzistas. Mensogo, maljusto, malamo kaj perforto regas la rilatojn inter ŝtato kaj ŝtato, inter homo kaj homo. La militspirito sekvigis post si brutalecon, akaparistan moralon — frukton de milito — malhonestecon kaj senfidelecon, karakterizantajn nian publikan vivon. La milito donacis al ni generacion, kiu anstataŭ batali por libereco kaj justeco, sekvas al la mallumaj demonoj de malamo, maljusto kaj perforto.

Kion alportos al ni nova milito? Milionojn da mortigitaj soldatoj, sed ankaŭ murdadon kaj venenigon de sendefendaj maljunuloj, virinoj kaj infanoj. Nova mondmilito plialtigus ĝis ekstazo

la murdemon, bestecon kaj kruelecon de la homoj. Por neantaŭvideble longa tempo malaperos la kulturo kaj civilizacio. En la tuta mondo regos teroro kaj la rajto de l' pugno.

Ĉu ni kun malfermitaj okuloj devas iri rekte al la abismo? Ĉu ne ekzistas ia savo, ia helpo? Certe la Ligo de Nacioj faris erarojn, pro tio ni staras ja nun antaŭ tiel terura danĝero. Malgraŭ tio ni devas konservi la Ĝenevan institucion, ĉar nur la kuniĝo de ĉiuj popoloj de nia tero je potenca ligo de nacioj povas malebligi la militon kaj savi nian kulturon.

La homoj estas bonaj. La homoj ne volas militon. Ili ne volas disŝiri unu la alian. La homo, kiun ne atingis la amaspsikozo organizita de la naciistoj kaj ŝovinistoj, ne volas murdi siajn homfratojn. Li ne volas trabori la koron de alia homo, per venenaj gasoj estingi lian vivon, kaj per grenaderoj detrui liajn okulojn. Neniu homo facilanime volas endanĝerigi ankaŭ sian propran vivon.

Pri kio do temas? Por kio niaj viroj, niaj infanoj fordonu sian vivon? Ĉu ne estas ekzistebleco por ĉiuj homoj sur nia tero? Nia Disinjoro donacis al ni belegan mondon, por ke ni ĝin ĝuu, sed ne por ke ni faru el ĝi inferon por ni mem. Helpe de progresoj de la tekniko oni povas nun satnutri multoble pli da homoj, ol ekzistas sur la tero. La admirindaj komunikaciaj rimedoj, fervojo, aeroplano, aŭtomobilo, telefono, radio proksimigas la kontinentojn, landojn kaj homojn. Ni havas glorindajn poetojn, verkistojn kaj artistojn, kiuj vigligas nian menson kaj refreŝigas nian animon. Kiel bela estus la vivo, se ni povus ĝin trankvile ĝui! Ni faris nenion, por meriti tiun ĉi trankvilon. Ni faris nenion por mildigi la klasajn antagonismojn. Ni faris ĉion por ilin pliakrigi. Ni ne tondru kontraŭ la nacisocialismo kaj bolŝevismo, sen samtempe bati nian bruston kaj ekkoni ke la kruelâ malatento de la naturaj rajtoj de niaj proksimuloj, ja, de ilia plej primitiva rajto je vivo preparis la grundon por Hitler kaj Stalin.

Oni nepre volas la militon por ŝovadi la limpalisojn tien kaj reen. Multaj el la malgrandaj kaj grandaj infanoj, revenante de militparado, trovas malplenan, malĝojan kaj malesperan hejmon, kie regas malsato kaj malvarmo, malriĉeco kaj mizero. Ĉu ne estus pli bone, uzi la entuziasmon de tiuj malfeliĉuloj por servo al la paco, elpeli el iliaj hejmoj la zorgon kaj anstataŭ ĝi alporti al ili bonstaton kaj vivfeliĉon? Sed tiun ĉi idealon ni ne atingos per detruo de valoraj homaj vivoj, per ruinigo de materiaj kaj ideaj bonoj, per la senbridigo de la militfurio. La homaro nur tiam povos fariĝi feliĉa, kiam la limpalisoj perdos sian signifon, kiam ni la rimedojn de interkompreniĝo, kiujn donacis al ni la homa genio, ne uzos por disvastigo de malamoplenaj mensogoj kaj kalumnioj kontraŭ niaj homfratoj, sed kiam ni servigos ilin praktike por la amo al ĉiuj estaĵoj havantaj homan vizaĝon, ne demandante, kie ili naskiĝis, al kiu raso ili apartenas kaj kiun lingvon ili parolas.

Ĉu ni homoj fariĝis blindaj? Ĉu ni ne vidas, ke la politikistoj, kiuj volas levi la sangon kaj karnon super la spiriton kaj animon, volas fari el nia bela mondo grandan malliberejon kaj valon de larmoj? Ĉu ĉio estu forviŝita, kion donacis al ni Moseo aŭ Kristo, kaj kion ni ricevis de homoj, en kiuj la Dia fajrero ekardis je lumoplena flamo. Ĉu homoj kiel Hitler, Goebbels, Goering, Rosenberg kaj Streicher — estu ĉio, sed Goethe, Schiller kaj Lessing estu nenio? Ĉu la vorto humaneco estu tute estingita el niaj koroj?

(Daŭrigota)

---

## S. O. S.

**Alvoko al tutmonda esperantistaro!**

La radio-prelegoj en Polujo estas endanĝerigitaj. Pro manko de subteno flanke de eksterlandaj esperantistoj, kiuj ne plu skribas al Polskie Radio, instigante ĝin al daŭrigado de esp.-prelegoj. la Direkcio de P. R. rifuzis disaŭdigon de prelegoj en nia lingvo. Tiu decido. de Polskie Radio estas des pli malĝojiga, ke en la nuna sezono necesas propagandi per radiaj paroladoj la Jubilean Kongreson. Ne ŝparu kelkdekon da centimoj, kaj skribu tuj al „Polskie Radio", Warszawa, Mazowiecka 5, instigante la Direkcion al kontinuado de esp-prelegoj.

**Ne prokrastu! Skribu tuj!!**

**Ĉiuj gazetoj estas urĝe petataj represi ĉi tiun alvokon.**

# ESPERANTO KAJ BELLAMY

Estas rimarkinda fakto ke ofte grandaj ideoj naskiĝas samtempe en la cerboj de homoj kiuj tute ne konas unu la alian kaj ofte loĝas en tre diversaj lokoj.

En la sama tempo kiam en Eŭropo Dro Zamenhof publikigis sian lingvon kaj skribis pri la „interna ideo" de Esperanto, vivis en Ameriko Edward Bellamy kiu verkis libron enhavantan novan ekonomian sistemon, ankaŭ bazatan sur humanismo, frateco kaj internaciismo kaj en kiu li eĉ profetas la uzon de mondlingvo.

En sia verko Bellamy donas al ni bildon de la socio en la jaro 2000-a, kiam ĉiuj anoj de la nacio havos la samajn rajtojn sed ankaŭ egalajn devojn; kiam ne plu ekzistos senlaboreco, mizero, ekonomiaj krizoj; kiam anstataŭe la granda teknika kaj scienca progreso pruviĝos esti beno, obliganta al ĉiu vivon senzorgan.

La bazo de la Bellamy-sistemo estas la ekonomia egaleco de ĉiuj dum la tuta vivo.

La nuntempa evoluo de tekniko kaj scienco ebligas abunde provizi la tutan homaron je ĉiuj bezonaĵoj per minimuma laboro, sed la ekzistanta ekonomio, bazata sur konkurenco, profito, nepersona mono, nekontrola produktado k.t.p. kaŭzas ke al milionoj da homoj mankas la necesaj vivrimedoj, dum aliflanke grandaj amasoj da varoj estas detruataj ĉar ili estas nevendeblaj.

La ruinigaj konsekvencoj de la nuna sistemo povas malaperi nur se la produktado estas regulata laŭ la kolektiva bezono de la homaro, ĉiu ricevante egalan porcion kaj farante sian parton de la komuna laboro; nur tiam povos komenciĝi daŭra prospero por la tuta homaro.

Por disvastigi ĉi tiujn ekonomiajn ideojn fondiĝis la Internacia Asocio „Bellamy", kiu utiligas Esperanton por la Internacia propagando.

La I. A. B. estas neŭtrala rilate politikon kaj religion kaj ĝiaj anoj apartenas al ĉiuj klasoj de la popolo.

La suprenomita verko de Edward Bellamy baldaŭ aperos en Esperanto, sub la titolo „Rigardante Malantaŭen".

En la konvinko ke ĉiu tago de prokrasto daŭrigas kaj pligrandigas la mizeron de milionoj da homoj, la I. A. B. alvokas ĉiujn bonintencajn personojn al la propagando de la bela idealo.

Informojn kaj propagandan materialon volonte havigos la Centro por Internacia Propagando de la I. A. B., sekretariejo Gerard H. Bosma, Kerkweg 152, Santpoort (Nederlando).

# POLA VESPERO EN BUDAPEŜTO.

F-ino Halina Weinstein el Varsovio faris sukcesplenan propagandan prelegon la 12-an de septembro 1936 en Budapeŝto, en la aranĝo de la budapeŝta grupo de Hungara Esperanta Societo.

Post la enkondukaj vortoj de d-ro L. Lorand, Halina Weinstein parolis pri la komuna historia pasinteco, komunaj idealoj kaj simpatio, kiuj jam de jarcentoj kunligas Polujon kaj Hungarujon, la du fratajn naciojn. La reviviĝintan Pollandon ŝi konigis ankaŭ geografie, kondukante tien en fantazio la ĉeestantojn, altiris la atenton pri karakterizaj vidindaĵoj kaj per longa vico da projekciitaj lumbildoj prezentis belan Polujon. Fine ŝi kore invitis la hungaran esperantistaron al la venontjara varsovia kongreso. La ĉeestantaro, inter kiu troviĝis reprezentantoj de la Pola Legacio kaj Pola Konsulejo, s-roj Kościuszko kaj Mach, kaj eĉ la neesperantistoj, danke al lerta tuja tradukado de Paulo Balkányi, entuziasme akceptis la altnivelan kaj ĝuigan prezentadon kaj tuj decidis, ke hungaroj grandnombre vizitos Varsovion sub la gvidado de Sári John.

Julio Baghy dankis pro la bela prelego kaj parolis amplene pri patrujo de la Majstro.

Tre plaĉis la arta interpretado de Chopin-verkoj de la pianistino Elinjo Barna kaj la deklamo de Agi Tolnai: „Silenta Maro" de Adam Mickiewicz.

La Pola Vespero okazis en tre bela salono de P. T. O. E.

# OFICIALA KOMUNIKO

**N-o 1.**
**de la Loka Kongresa Komitato**
**de la XXIX. Jubilea Universala Kongreso**
**de Esperanto**
**Varsovio, 7—15 aŭgusto 1937.**

Interkonsente kun Pollanda Esperanto-Delegitaro estis elektita Loka Kongresa Komitato por la XXIX. Jubilea Universala Kongreso de Esperanto, kiu organiziĝis jene:

Honora Prezidanto: Prof. Dr. Odo Bujwid, Prezidanto de P. E. D.

Prezidanto: Vicdirektoro Bronisław Bohdan Wyszyński, Prezidanto de Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo,

Vicprezidantoj: Dr. Wilhelm Róbin, Kazimierz Zajączkowski, Leon Klimecki kaj Stanisław Karolczyk,

Ĝenerala Sekretario: Aleksander Hartman,

Sekretarioj: Lila Tazbirowa kaj Jan Zawada,

Kasisto: Stefan Lubliner, anstataŭanto Halina Weinstein,

Komitatanoj: Mieczysław Kaus kaj Borys Strelczyk.

## OFICIALA KOMUNIKO

**N-o 2.**

**Samideanoj!**

La XXIX-a Jubilea Universala Kongreso de Esperanto devas esti viva demonstro de la fortoj de tutmonda Esperantistaro kaj samtempe celkonscia kolektigo de ĉiuj fortoj de nia movado por f i n v e n k o de Esperanto.

Pro tio la Loka Kongresa Komitato interkonsente kun Pollanda Esperanto-Delegitaro kaj la centraj instancoj de tutmonda esperanta movado metas en la idean programon de la Kongreso la jenajn ĉefajn punktojn.

1. LA JUBILEA devas esti esence labor-kaj organiza Kongreso. Ĉiuj ekskursoj kaj ĉefaj amuzajoj estos organizitaj tiamaniere, ke ili ne malhelpu la laborkunsidojn.
2. La partoprenantoj de LA JUBILEA devas formi esperantan parlamenton, kiu opinios pri la plej gravaj demandoj de la movado.
3. Estas nia deziro, ke dum aŭ tuj ankaŭ LA JUBILEA okazu Tutmondaj Kongresoj aŭ oficialaj internaciaj konferencoj de ĉ i u j fakaj kaj ideaj esperanto-organizaĵoj. Tiucele ni invitas kore ĉiujn esperantajn fakajn organizaĵojn al Varsovio.
4. LA JUBILEA devas doni al la partoprenontoj klaran bildon de la ĝisnunaj atingaĵoj kaj stato de la Esperanto-movado en ĉiuj landoj (en formo de ekspoziciaĵoj, bildoj, desegnaĵoj, statistikoj ktp.).

   Bonvolu komuniki al ni, kion vi povas prepari por la Ekspozicio.
5. En la organizo de LA JUBILEA kunlaboru aktive Esperanto-Organizaĵoj de la tuta mondo.

Tia estas la idea programo de LKK. Samideanoj! Alsendadu rimarkojn kaj sugestojn tiurilate kaj deklaru per viaj organizaĵoj, kian parton de laboro vi povas fari por kunhelpi al realigo de tiu ĉi plano.

Bonvolu provizi nin per ekspoziciaĵoj, dokumentoj, kaj bildoj el la esperanta vivo de via lando. Ĉio estos kvitancita kaj resendita post la Kongreso. La liston de la alsendota materialo estu bonvolaj havigi al ni en tri kopioj.

Por efektivigo de la planoj de LKK. jam komencis labori en Varsovio jenaj Sekcioj: Artista, Dekoracia, Turisma, Loĝeja, Redakcia, Literaturista, Propaganda, Fakaj Kongresoj kaj Speciale Jubileaj Aranĝoj.

**NOVAĴO!**

**Sporta Sekcio.** — Laŭ deziro de multaj samideanoj, ke dum LA JUBILEA okazu sportludoj, ni fondis Sportan Sekcion, kiu proponas aranĝi sportludojn esperantistajn dum la Kongreso en fakoj piedpilko, malpezatletiko, teniso ktp. — komprenehle se sufiĉa nombro de sportaj samideanoj sin anoncos. Ni petas afable ĉiujn, kiuj interesiĝas pri aranĝo de sportludoj dum la Kongreso, interrilati tuj kun LKK — Sporta Sekcio.

**Speciala Jubilea Aranĝo: Honoriga Stelo!** — Okaze de LA JUBILEA, LKK. deziras organizi indan honorigon de ĉiuj Esperanto - v e t e r a n o j kaj pionirој per

**JUBILEA HONORIGA STELO.**

Organizaj detaloj de la „Statuto de HONORIGA STELO" troviĝos en la sekvonta Komuniko.

ADMINISTRAJ INFORMOJ:

**Adreso de LKK:** Warszawa I, str. Chmielna 26, m. 8. Tel. 278-55. kaj 278-08. Pola Poŝtĉekkonto: 29. Universala Jubilea Kongreso de Esperanto, Warszawa N-o 23.445.

Telegramadreso de la kasisto: Lublipres. Warszawa.

**Aliĝoj.** — Aliĝis ĝin nun 42. gesamideanoj el 9. landoj. Nomaro sekvos en la tria Komuniko.

**Monaferoj.** — Transsendo de la mono al LKK okazu per poŝtmandato, poŝtĉeko aŭ poŝtĝiro je la Pola Poŝtĉekkonto: 29. Universala Jubilea Kongreso de Esperanto, Warszawa N-o 23-445, sed nur el landoj, kiuj havas liberajn monrilatojn kun eksterlando kaj liberajn kompens-traktatojn kun Polujo. El Britujo kaj kolonioj oni pagu al Brita Esperanto-Asocio, London W. C., 142. High Holborn.

El Svisujo pagu nur al Banque Nationale Suisse en Zürich, konto „Dettes Polonaises" S-té Zahan, por LKK.

El Argentino kaj Palestino — al Pola Banko: Polska Kasa Opieki.

El Italujo — Pola Poŝtŝparkaso Roma I/10110.

El Hungarujo — al la kasisto de Hungarlanda Esperanto-Federacio s-ro Augusztinv Oszkár, Budapest I, Attila-utca 47.

**Propaganda materialo pri Varsovio kaj Polujo.** — LKK. preparas propagandan materialon por prelegoj pri Polujo kaj Varsovio (lumbildojn kaj tekstojn por prelego) kaj petas ĉiujn samideanojn kaj grupojn, kiuj estas emaj aranĝi ĉi-prelegojn, turni sin al LKK.

**Propagandaj murafiŝoj.** — LKK. sendas senpage al ĉiuj organizaĵoj kaj grupoj esperantaj, kiuj sin turnas al LKK. belajn murafiŝojn pri LA JUBILEA.

**Fervoj-rabatoj.** — Fervoj-rabatoj por Polujo estas garantiataj. Detaloj baldaŭ sekvos.

---

**KOMISIONO DE INTERNACIAJ PROBLEMOJ.**

Zorge preparante la Jubilean Universalan Kongreson de Esperanto, kiu estos impona manifestacio de la tutmonda Esperantistaro, la Loka Kongresa Komitato en Varsovio fine de oktobro nunjara elektis specialan „Komisionon por internaciaj problemoj".

Tiu komisiono konsistas el jenaj malnovaj kaj spertaj Esperantistoj, bone konantaj ĉiujn eĉ plej komplikajn problemojn de nia Esperanta movado: Dro Jan Mędrkiewicz el Lublin (prezidanto), red. Jakob Ŝapiro el Białystok (sekretario). konsilanto de Ministerio de Eksterlandaj Aferoj Leon Klimecki, dro Antoni Czubryński, L. K. el Varsovio kaj Izrael Lejzerowicz, L. K. en Łódź.

La Komisiono tuj alpaŝis al la laboro kaj kunsidas regule ĉiusemajne, funde kaj fake studante gravajn problemojn.

# DECIDO DE SVISA TRIBUNALO

**En la lasta momento ni ekscias, ke la Svisa Tribunalo proklamis verdikton en la afero de UEA.**

**La voĉdonado de Delegitoj pri transporto de la Centra Oficejo el Ĝenevo al Londono estas laŭ tiu verdikto nuligita.**

**Kiel oni scias, la Tribunalo devis decidi, ĉu la statuto estis ĝuste observata.**

**Oni nun plue informas, ke en Ĝenevo funkcias Provizora Komitato de UEA, kiu baldaŭ alpaŝos al la laŭstatuta elekto de gvidantaj organoj de la Asocio.**

**La oficiala organo de UEA „Esperanto" aperas denove depost novembro kj.**

---



---

**UWAGA!**

Wszelkie wpłaty abonamentu miesięcznika „Pola Esperantisto" uskuteczniać można na konto PKO Nr. 406.660 lub **przekazem rozrachunkowym, kartoteka Nr. 29.** co zaoszczędzi wpłacającym koszty przesyłki.

**ABONU MEM KAJ VARBU POR „POLA ESPERANTISTO"! VI LEGOS ĈIAM INTERESAJN NOVAJOJN PRI LA LANDO DE JUBILEA KONGRESO!**

**ESPERANTISTA LINGVA KOMITATO AKADEMIO.**

Sekretario:
Sinjoro R. de Lajarte,
4, Villa d' Orléans,
Fontenay-sous-Bois,
Seine (Francujo).

**OFICIALAJ SCIIGOJ DE LA AKADEMIO (No. 12 — oktobro 1936).**

1. Kun granda bedaŭro ni sciigas pri la morto de **D-ro Corret**, Akademiano, kaj de **S-ro Oskar Van Schoor**, L. K-ano.

Eksiĝis el la Akademio, **Prof. Aymonier, D-ro Bennemann, Prof. Migliorini;** kaj el la L. K. **Inĝ. Orengo, S-roj Döhler** kaj **Christaller.**

2. La L. K-anoj estas petitaj voĉdoni pri **ŝanĝo en la Regularo, koncerne la konsiston kaj elekton de la L. K.**

Respondis 53 membroj el 116.

52. aprobis la proponon, ke la nombro de la L. K-anoj ne devos superi 100. kaj ke tiu nombro estu atingata antaŭ 1940, per neplenumado nur de la postenoj vakantaj pro morto aŭ eksiĝo. 45. aprobis la proponon, ke estu intertempo da unu jarduono inter la prezentado kaj la baloto de novaj membroj. Pri la propono forstreki el la Regularo la tekston rilatan al la lingva konsisto de la L. K., 18. aprobis, 31. ne aprobis, 4. ne decidis. Pro tiu rezultato tiu teksto ne estos forĵetita.

La jarlibro de 1936 estas redaktita laŭ tiuj decidoj, escepte la artikolon 9. de la Statutaro, kiu estos reĝustigata kiam la nombro 100 estos atingita.

Pro la decido pri deviga duonjara intertempo, la ĝisnunaj metodoj de elekto devas esti ŝanĝataj. La prezentado okazos la 1-an de julio kaj la baloto okazos komence de la sekvanta jaro.

Sekve: por la elektoj de 1937, la kandidatoj estas prezentitaj la 1-an de julio 1936.

3. Pro bedaŭrinda eraro en la programo, la **Kunsido de la Lingva Komitato** ne okazis dum la Kongreso de Wien. (Estis anoncita Kunsido de la Akademio anstataŭ Kunsido de la L. K.)

La Prezidanto:
**M. Rollet de l' Isle.**

---

**ALVOKO AL KUNLABORADO.**

La Redakcio petas insiste:

a) literaturemajn legantojn pri kunlaborado per regula alsendado de originalaj kaj tradukitaj literaturaĵoj,

b) propagandistojn pri verkado de artikoloj koncernantaj la problemojn de esperantista movado,

c) estrarojn de societoj apartenantaj al P. E. D. pri regula sendado de raportoj kaj koncizaj notoj pri la agado de siaj grupoj. La enhavo de la komunikaĵoj estu vere esenca. Oni evitu troadon, panegiraĵojn, personajn reklamojn k. s.

Se vi deziras, ke „Pola Esperantisto" estu interesa legaĵo por ĉiuj kaj inde reprezentu la landon de Jubilea Kongreso, provizu ĝin per leginda materialo!

**NIAJ REPREZENTANTOJ:**

Białystok — J. Szapiro, Marsz. Piłsudskiego 33.
Paryż — S. Grenkamp, 117. Bd. Jourdan.
Warszawa — Halina Weinstein, Leszno 99. m. 5. Konto P. K. O. 27.867.

**AL NIAJ LEGANTOJ!**

La numeroj 10. kaj 11. de nia gazeto aperis malfrue. La neakurateco kaŭzis personaj kaj teknikaj ŝanĝoj en la presejo danke al kiuj **la ekstera aspekto de P. E. evidente pliboniĝis.** Ni petas pardonon de niaj legantoj pro la okazinta neakurateco, kiu ne plu ripetiĝos.

**La Redakcio.**

PRENUMERATA: rocznie zł. 8.—, półrocznie zł. 4.— Dla Towarzystw i grup esper. rocznie zł. 6.— Zagranicą: 5 fr. szw. Numer pojedynczy zł. 0.70. podwójny zł. 1.40.
OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł.30.— 1/4 strony zł. 15.— 1/8 strony zł. 10.— Korespondencja: małe ogłosz. z 10 słów (prócz adresu) zł. 1.—

ABONO: jare zł. 8.—, duonjare zł. 4.— Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł. 6.— Eksterlande 5 sv. fr. Aparta numero zł. 0.70 duobla zł. 1.40.
ANONCOJ: 1/2 paĝo zł. 30.— 1/4 paĝo zł. 15.— 1/8 paĝo zł. 10.— Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł. 1.—

PRZEKAZ ROZRACHUNKOWY, KARTOTEKA NR. 29. -- KONTO P. K. O. NR. 406.660.

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKÓW, L UBICZ 34.

Drukarnia L. Dudek i Ska, Kraków, Stolarska 6. Redaktor odpowiedzialny: Dr. Leon Rosenstock.